# INTERNACIA FERVOJISTO




41a jaro n-ro 3 1989



Duetaĝa kontenera trajno, preskaŭ du kilometrojn longa, kun entute 200 konteneroj de po 40 futoj - en Usono.

REDAKTORA BABILO

La sorto de kelkaj el niaj legantoj estas, ke nur post la kongreso ili povas legi ĉi tiun numeron. Por ili do la informoj antaŭ ol ekveturi al Salou ne estas tiom aktualaj. Tamen aliaj partoj de la enhavo espereble estas sufiĉe interesaj por rekompenci tion.

Ni klopodis prezenti buntecon de temoj el nia faka sfero, sed ankaŭ "Rekomendoj"n sojle de la dua jarcento de Esperanto. Kvankam oni povas - kaj devas - diskuti la unuopajn punktojn, certe valorus tralegi kaj eltrovi, kiun parton, kiun eron povus mi plenumi por antaŭenigi nian aferon. Unuope - kaj eĉ kune - ni kompare al la ĉirkaŭa societo estas ekstreme malfortaj, sed ni posedas potencialon, kiun ni sisteme flegu.

Bonan pripenson.

Red.

IFEF-ESTRARO LABORAS

Novaĵon oni metu unue, eĉ titole. Cu surpriza informo? Al kelkaj eble jes, ĉar la IFEF-estraron oni vidas surpodie en la IFEF-kongresoj, kie ĝi akceptas la - meritita - respekton de la kongresanoj!

Komence de marto okazis estrara kunsido en Budapeŝto, cetere kun riĉa kroma programo, aranĝita de la hungara landa asocio. Akceptis la estraron la vicgeneraldirektoro de MÁV kaj la ĝenerala sekretario de la fervoja sindikato, kio montras la kreskantan prestiĝon de IFEF ĉe fervojaj instancoj.

Ampleksan tagordon la estraro prilaboris, el kiu menciindas i a:

- pri la 41a IFK (Internacia Fervojista Kongreso) en Salou, kaj ĉu iel festi la 80jariĝon de organizita esperanto-movado ĉe fervojoj,
- kongresproponoj kaj statutpropono,
- venontaj kongresoj kaj skisemajnoj resp estrara reprezentiĝo en diversaj aranĝoj,
- la organo IF kaj estontaj fakaj kajeroj,
- rilatoj al FISAIC. IFEF ja estis/estas aktiva peranto, kiam temas pri kelkaj orienteŭropaj landaj. Pli kaj pli Esperanto ludas la peran rolon, kiun ĝi kapablas kaj meritas,
- okaze de la 40jariĝo de FISAIC en 1992 estos eldonita jubilea kajero en pluraj lingvoj, antaŭvideble ankaŭ en Esperanto. La demando estas intertraktata.

La venonta estrara kunsido de IFEF okazos dum la 41a IFK en Salou.

Red.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

41a INTERNACIA FERVOJISTA
ESPERANTO-KONGRESO
13a-19a DE MAJO. 1989




IFEF
FISAIC





# 41a IFEF-KONGRESO SALOU, Hispanio

13a-19a de majo 1989
c/ Ruiz de Patron 45, 2$^{o}$.2$^{a}$.
E-08026 Barcelona

KELKAJ INFORMOJ
ANTAŬ VIA EKVETURO AL SALOU.

Eble vi pensis: Jen ni iru al suda lando kie ni trovos favorajn prezojn por kongresi, mildan temperaturon por sunbani ktp, sed ..... Salou kaj ĉirkaŭaĵo ne estas nur tio. Vi trovos en la proksimeco de la kongresurbo valorajn arkeologiajn restaĵojn, romiajn monumentojn, riĉan industrion, fruktodonan kamparon, belajn pejzaĝojn, afablan popolon kaj tre varian folkloron kiu logos vin al tiu elstara parto de Hispanio, kiu estas Katalunio.

Iom pri Katalunio. Katalunio situas ĉe la Mediteranea maro; ĝia grandeco similas al ŝtatoj kiel Nederlando aŭ Danio. La temperaturo en monato majo kutime estas milda kaj tre agrabla. Katalunio estas dense loĝata kun ĉ.6 milionoj da loĝantoj. La geografia diverseco ordigas la teritorion de Katalunio en 38 zonoj.

Iom pri Salou. Salou estas unu el la turismaj centroj kun pli da tradicio en la kataluna marbordo; ĝi troviĝas je 10 km de la miljara urbo Taragona. Salou estis vilaĝeto de fiŝkaptistoj sed nuntempe estas eleganta kaj ĉarma urbeto; bela promenejo apud la marbordo kaj multnombraj trinkejoj kun terasoj estas pluraj alternativoj por pasigi neforgeseblajn tagojn.

Kiel atingi Salou? Se vi veturas per la Esperanta trajno, nepre vi devos esti en Portbou la 13an de majo antaŭ la sepa horo. Tiu trajno forveturos de Portbou je la 7.30 rekte al Salou; ĝin povos uzi la kongresanoj venantaj el Italio, orientaj eŭropaj landoj kaj suda parto de Francio kiuj atingos Portbou je la 5.40; ankaŭ povos uzi ĝin la kongresanoj venantaj el Svislando, nordaj eŭropaj landoj kaj orienta parto de Francio kiuj atingos Portbou je la 5.50. Atentu ke la "Esperanta Trajno" ne estas senpaga; nur estas rezervita vagonaro por la kongresanoj; ĉiuj devas kunporti sian fervojbileton. Kelkaj LKK-anoj atendos vin en la stacidomo kaj veturos kune kun vi ĝis Salou. Kongresanoj alvenante pli malfrue havas eblecon veturi rekte al Salou, je la 10.00 pere de luksa trajno "TALGO" kiu postulas malaltan krompagon. Aliaj trajnoj veturas nur al Barcelona-Sants kaj ĉi-tie vi devas ŝanĝi al trajno veturanta al Salou.

Antaŭ la stacidomo de Salou atendos aŭtobusoj kiuj transportos vin de "Esperanto trajno" ĝis la Kongresejo. Sabaton 13.5.89 funkcios informejo en la stacidomo de Salou ek de la 9a horo ĝis la 21a horo. Se vi alvenas en ne taŭga horo, ekzistas taksia servo antaŭ la stacidomo.

Pri la ekskursoj. Dimanĉo la 14-an posttagmeze ni vizitos la belan kaj antikvan urbon Taragono. Ni piediros tra la arkeologia promenejo, vizitos la Katedralon, la romian Cirkon, la Forumon, ktp. Reirante al Salou ni trarigardos la industrian urbon Reus kiu estas la ĉefurbo de la regiono Baix Camp (Malalta kampo).

Mardo la 16an posttagmeze, ni ekskursos tra la vinregiono kie oni produktas la plej altgradan vinon (16/18 gradoj). Ni haltos por viziti grandan kooperativon kie ni gustumos la altkvalitan vinon de la regiono "Priorato". En la vilaĝo Miravet situata apud la rivero Ebro, ni povos rigardi la artan laboron de la ceramikistoj.

Ĵaŭdo la 18an matene ni ekskursos al Delto de Rivero Ebro; ĝi havas surfacon de 7.736 hekt. En la delto haltas, por vintrumi, miloj da migrantaj buntaj birdoj kiuj prezentas belan spektaklon ĝis kiam ili daŭrigas sian flugadon al siaj originaj landoj. Krom ŝippromenado tra la rivero, ni vizitos rizindustrion kie oni prilaboras la rikoltitan rizon de la Delto.

Postkongresa ekskurso al Majorko. Sabato la 20an ni veturos per aviadilo al Majorko. Tiu bela insulo situata en la Mediteranea Maro estas monde konata pro siaj belaj pejzaĝoj kaj privilegia klimato. Dum la kvintaga restado sur la insulo, ni vizitos Palma de Majorko (la ĉefurbo), Formentor (duoninsulo en la plej norda parto de Majorko), Pollensa (en la norda ekstremo de la insulo) kun belaj plaĝoj kaj naturaj havenetoj, Manacor/Porto Cristo, komunumo de la orienta Majorko kie elstaras la produktado de artefaritaj perloj kaj ŝuoj, Porto Cristo kie troviĝas la famkonataj grotoj de la Drako kaj de la Hokoj kiujn ni vizitos dum la ekskurso, Valldemosa komunumo de Majorko ĉe la montoĉeno de Tramontano; ĝi estas fama pro sia kartuzio fondita en la jaro 1399 kie loĝis George Sand kaj Frederic Chopin. Du ĉeloj konservas memorigaĵojn de ili; la plej interesa estas la piano sur kiu Chopin ludis siajn famajn valsojn; ankaŭ aliaj personaj memoraĵoj estas videblaj en la muzeo de la kartuzio.

Esperanto muzeo. Je 50 kilometroj de Salou troviĝas la Hispana Esperanta Muzeo; ĝi estis inaŭgurita okaze de la 26a IFEF-kongreso en majo 1974. Okaze de via vojaĝo al Salou, oni povas helpi la muzeon, kunportante ĉiujn esperantaĵojn ne bezonataj de vi; estu certa ke viaj kontribuaĵoj por la Muzeo estos akceptitaj kiel veraj juveloj kaj estos tre utilaj al la kompilantoj de la Historio de Esperanto. Do, FORJETU NENION ! La direktoro de la Muzeo ĉeestos nian Kongreson kaj estos je via dispono dum kelkaj tagoj.

UTILAJ INFORMOJ.

Elektra tensio.- 220 Voltoj, duplusaj kontaktiloj.

Publika Trafiko.- Inter Taragono kaj Cambrils trafikas urbaj aŭtobusoj kiuj trapasas Saloun ĉiujn 15 minutojn; aŭtobushaltejo estas apud Hotel Negresco (la Kongresejo). Niaj restantaj hoteloj situas ĉe la aŭtobuslinio, sed malproksime de la kongresejo.

La kongresejo. Hotel Negresco estas nia Kongresejo; ĝi situas en str. Replanells s/n. Telef: 37 03 92 kaj 37 03 93; moderna konstruaĵo ĉe la marbordo, en trankvila parto de la urbo, inter Salou kaj La Pineda, 10 minutojn piede de la Centro, ligita per ofta aŭtobus-linio. En H.Negresco okazos la plej multo de niaj kongresprogrameroj.

Monŝanĝo.- En la urbo ekzistas multnombraj bankoj kaj ŝparkasoj kie oni povas ŝanĝi la akceptatajn valutojn, ek de la 8.30 ĝis la 14.00 de lundo ĝis sabato. En la Kongresejo eblas ŝanĝi ĉiutage kaj ĉiuhore eĉ sabaton kaj dimanĉon.

Kongresa poŝtstampo.- Lundon kaj mardon inter la 9.00 kaj la 13.00 horo, en la kongresejo funkcios speciala poŝta servo per kongresa poŝtstampilo.

Restoracioj.- En Salou kaj en najbaraj urboj Cambrils kaj La Pineda ekzistas multnombraj diversprezaj restoracioj kie oni povas gustumi la varian kuirarton de la regiono.

Vestaĵoj.- Salou estas turisma kaj kosmopolita urbo; vestu vin laŭ via gusto kaj moro. Tamen LKK petas la kongresanojn sinvesti dece, dum la Solena Inaŭguro de la Kongreso kaj dum Bankedo/Balo por digne prezenti nian Kongreson.

Libroservo.- Lundon, mardon kaj merkredon funkcios libroservo en la Kongresejo kie vi povos aĉeti krom E-librojn, bildkartojn, la kongresan postkarton kaj diversajn esperanto-memoraĵojn pri la 41a IFEF-kongreso.

Bonan vojaĝon al Salou kaj amuzan restadon deziras al vi

Prezidanto LKK Sekretario
Josa Molina Rafael Devis

# REKOMENDOJ EL AHRENSHOOP '88

Ni ricevis la ĉi-suban raporton, kiu ŝajnas leginda ankaŭ de ni. Cion tion ni ne povos (kaj ne devas) fari, sed kelkaj el la rekomendoj certe valoras nian plenan atenton. Ekzemple punktojn 3.5, 5.1, 5.3. (Red).

36 aktivaj movadanoj el 12 landoj kunvenis en la Internacia Seminario "Sojle al la dua jarcento - lingvo kaj parolantaro - Kion konservi, kion ŝanĝi?", 5-10 decembro, 1988 en Ahrenshoop, GDR, okazinta sub aŭspicio de Universala Esperanto-Asocio, kaj post aŭskultado al prelegoj kaj arda diskutado, konstatis,

1) ke kvankam la nombro de seminarianoj estas ne granda, ĉi tie tamen estis reprezentitaj gravaj movadorganoj kiel la Akademio de Esperanto (AdE), UEA, TEJO, ILEI, TEC kaj unuopaj LA kun siaj funkciuloj;
2) ke estis malofta okazo senpere konatiĝi kun la gvidantoj de AdE kaj interŝanĝi opiniojn pri la rolo de la AdE en la dua jarcento;
3) ke estis aparte bonvena la partopreno de la reprezentanto de la Internacia Informcentro pri Terminologio "Infoterm" (Vieno, Aŭstrio);
4) ke 20 prelegoj pri diversaj temoj estis ĉiuj interesaj kaj trafe referitaj konforme al la celo de la Seminario, kies titolojn ni prezentas ĉi-sube, por ke eventuale la interesitoj sin turnu al la seminaria organizanto pri livero de unuopaj prelegtekstoj;
5) ke la pritraktitaj temoj estis tre variaj kaj ampleksaj, kaj ne eblis profundigi la diskutadon pro manko de tempo;kaj tial,

ni listigas ĉi-sube la bonajn kaj konsiderindajn ideojn kaj sugestojn levitajn el la prelegoj kaj diskutado laŭ 5 kategorioj, kaj rekomendas al ĉiuj celkonsciaj movadanoj, ĉu individue, ĉu kolektive, prinoti kaj utiligi ilin por plua traktado en sia medio:

1. Kategorio I
(lingvistikaj demandoj):

1.1. AdE pli ol ĝis nun vivu en sia publiko kaj publikigu pri si. Por atingi tion oni trovu kadrojn, ene de kiuj AdE prezentu siajn rezultojn, ekz. sendante ilin al influhavaj revuoj tra la mondo, kaj utiligante la E-ajn radio - elsendojn, tiel ke la akademianoj

montru sin en la publiko kaj sian reputacion.

1.2. Oni okazigu seminarion pri leksikografiaj problemoj por ebligi sperto-interŝanĝon inter verkistoj de la ekzistantaj bonaj mezgradaj vortaroj kaj gramatikaj libroj, kun la celo verki kaj eldoni normigan vortaron kaj gramatikan libron, uzeblan internacie.

1.3. Okazu aktiva kunlaborado de la akademianoj kaj de aliaj esperantologoj kun neesperantistaj instancoj kiel "Infoterm", universitataj esplorcentroj kaj aliaj.

1.4. Pliviglíĝu la esplorado pri la propedeŭtika valoro de Esperanto.

1.5. La rolo de TEC estu pli vaste diskonigata.

1.6. AdE preparu sin por esti jura personeco, por ke ĝi tiel povu ricevi donacojn senimposte.

2. <u>Kategorio II</u> (Strukturaj kaj movadologiaj demandoj):

2.1. Oni utiligu la materialojn de la movadologia simpozio en Roterdamo (dum 73a UK) kaj de la seminario en Szeged (Hungario) "Esperanto en la dua jarcento".

2.2. Oni daŭrigu la organizadon de strategie gravaj seminarioj kun pli monografia enhava profilo.

2.3. Por efike akumuli kaj funkciigi la laborojn de diversaj Esperanto-centroj tra la mondo, UEA prenu sur sin la kunordigan rolon de la laboro de tiuj centroj.

2.4. UEA estu konsiderata kiel servo-centro por la tutmonda esperantista komunumaro, tiel ke malaperu la malkontento kaj izoliteco de multaj esperantistoj. Samcele, UEA klopodu disdividi la taskaron de esperantistoj vaste tra la mondo, kunlabore kun LA kaj FA, por akurataj administraj servoj kaj interna kaj ekstera informado.

2.5. Transpaga problemo estas grava bremso de internacia kunlaborado. kaj tial UEA klopodu trovi taŭgan solvon, ekz. per kolektado de netranspagipovaj valutoj por komuna eldono de libroj k.s.

3. <u>Kategorio III</u> (Priservaj demandoj en la Esperanto-movado):

3.1. Oni plialtigu la nivelon de servoj al la membroj (akurateco), ĉar nekontentigaj servoj estas ofte la ĉefa kaŭzo de foriro de la membroj kaj perdo de gravaj laborfortoj.

3.2. Bibliotekoj estas niaj trezorejoj, kaj tial ni dediĉu nian apartan atenton al la kompletigo, ĝisdatigo kaj kunlaborado inter landaj kaj fakaj bibliotekoj.

3.3. Daŭre ni flegu kontaktojn kun esperantistoj ekster Eŭropo kaj helpu al ili laŭ diversaj praktikaj metodoj.

3.4. Aparte ni direktu atenton al la junularo, ĉefe en la furore disvolviĝantaj ekstereŭropaj movadoj.

3.5. Oni provu ligi la uzadon de Esperanto kun fakaj celoj, tiel ke Esperanto estu fonto de scioj de la esperantistoj pere de gazetoj kaj originalaj disertacioj.

3.6. Estu funkciigata bona korespondа servo tutmonda.

4. <u>Kategorio IV</u> (Edukaj kaj informaj demandoj):

4.1. Oni pligravigu la edukadon en nia movado. Edikado ĉefe rilatas al la kreskigo kaj trejnado de bonaj instruantoj de la lingvo Esperanto kaj taŭgaj movad-organizantoj.

4.2. Oni sisteme daŭrigu la esploradon pri pli efika informado por disponigi al ĉiuj aktivuloj materialojn ĉirilatajn kaj tiucele starigu "Centron pri Informado kaj Dokumentado".

4.3. La disponeblaj komunikiloj estu mobilizitaj por trafa informado al la ekstermovadaj medioj, ekz. pere de teleksiloj, telefaksiloj kaj komputilaj datumbankoj.

4.4. Oni starigu konstantan kadran eduksistemon ne nur en TEJO sed ankaŭ en UEA, tiel ke la movado povu transdoni la taskojn de generacio al generacio, akumulante la atingojn, problemojn kaj spertojn de la antaŭuloj por povi plibonigi kaj ĝisdatigi ilin.

4.5. Oni kultivu inter la esperantistaj kulturistoj la eblecojn transponti diversajn kulturajn valorojn tra la mondo kaj tiel klopodu iel konstrui internacian kulturon pere de Esperanto.

5. Kategorio V
Demandoj pri scienca aplikado):

5.1. Oni distingu inter la scienca (faka) kaj hobia agadoj. Oni ebligu pli vastan disvolviĝadon de la fakaj organizoj kaj vaste informu pri ilia agado la membrojn de UEA kaj de aliaj organizaĵoj.

5.2. Oni alvoku lingvistojn kaj aliajn specialistojn al kunlaboro kun esperantistaj samfakuloj rilate komunan studadon de koncernaj problemoj.

5.3. Oni stimuli kaj instigu pli fortan fakan agadon jam en la junulara movado, ekz. inter diversfakaj studentoj universitataj kaj altlernejaj, por ke ili estu preparitaj apliki Esperanton por siaj fakaj studoj kaj celoj.

5.4. Oni subtenu naciskalajn kaj internaciajn sociologiajn esplorojn pri la Esperanto-movado kaj aperigu artikolojn pri ekzistantaj ideoj ĉirilataj.

5.5. Oni kuraĝigu kaj organizu plurajn historiajn esplorojn, ekz pri zamenhofologio, laborista Esperanto-movado kaj similaj.

5.6. Oni konvinku kompetentajn tradukistojn en la Esperanta literaturo por komuna studado de tradukologiaj problemoj, ekz. normigo de historiismoj en diversaj naciaj literaturoj.

5.7. Oni kampanju mondskale por kolektadi diverstemajn kaj - fakajn scienc-teknikajn projektojn realigeblaj nur per internacia kunlaboro de esperantistoj kaj prezentu ilin al fondaĵoj el diversaj partoj de la mondo por subvenciado kaj eĉ plena financado por realigo.

6. Titoloj de la prezentitaj prelegoj (kaj prelegistoj)

6.1. Oszkar Princz (Hungario):
Rezultoj de la internacia Konferenco "Esperanto en la dua jarcento" (13.-16.7.1988) en Szeged.

6.2. D-ro Detlev Blanke (GDR):
Resumo de la movadologia simpozio kadre de la 73a UK en Rotterdam.

6.3. Roland Schnell
(Okcidenta Berlino):
Rekono de la realeco - bazo de ĉiu strategio.

6.4. D-rino Vera Barandovska
(CSSR)
Cu Esperanto lernendas? Kiuj lingvoj estas bezonataj en la mondo?

6.5. Yosimi Umeda (Japanujo):
Aktualaj problemoj en la Esperanto-movado - kaj progmatisma vojo al aliaj solvoj.

6.6. Edward Symoens (Belgio):
Informoj, informatoj kaj informantoj - For la diletantismon!

6.7. Katrin Mattusch (GDR):
La Esperanto-parolkomunumo - kiel koncepti ĝin sociologie?

6.8. Oszkar Princz (Hungario):
Motivoj de esperantistiĝo.

6.9. D-ro André Albault
(Francio):
La rolo de la Akademio de Esperanto.

6.10. D-ro Werner Bormann
FRGermanio):
La Akademio de Esperanto: Funk-

cio en socio.
6.11. **Wera Blanke** (GDR): Aktualaj organizaj problemoj de terminologia laboro.
6.12. **Regina Thaller** (Aŭstrio): La Internacia Informa Centro por Terminologio (Infoterm, Vieno).
6.13. **Michael Behr** (GDR): Komputile helpata administrado de leksiko.
6.14. **Akiko Nagata** (Japanujo/Nederlando): Logika bazo de Esperanto.
6.15. **Zofia Banet-Fornalowa** (Pollando): Historio de la laborista Esperantomovado - malfermita ĉapitro
6.16. **Fritz Wollenberg** (GDR): Aktualaj taskoj de la Zamenhofologio.
6.17. **Elena Sevĉenko** (USSR): Historiismoj en Esperanto kiel tradukologia problemo.
6.18. **Elsbeth Bormann** (FRGermanio): Virina agado de UEA.
6.19. **Elfriede Kruse** (FRGermanio): Spertoj kiel UEA-delegitino.
6.20. **Simo Milojeviĉ** (Jugoslavio/Nederlando): Enkonduko en la strategian planon de UEA.

7. Al la programo krome apartenis jenaj vesperaj aranĝoj: Renkontiĝo kun la poeto Jiři Karen (CSSR), diskuto pri la Akademio de Esperanto (kun enkonduko de Detlev Blanke), prezento de la Monda Esperanto Centro Zamenhof (kun enkonduko de Jaroslaw Parzysek, Pollando), lumbildprelego "Esperanto en Azio" (Y.Umeda).

8. Al la partoprenintoj estis disdonita i.a. jenaj dokumentoj: 2 konkludaj materialoj de la internacia konferenco "Esperanto en la dua jarcento" (13.-16.7.1988 en Szeged, Hungario), eseo de Bernard Golden "La leksikografia rolo de la Akademio de Esperanto".

Membroj de la Redakta Komisiono: BARTOS Hans-Peter (GDR), MATTUSCH Katrin (GDR), PARZYSZEK Jarek (Pollando), SYMOENS Edward (Belgio), UMEDA Yosimi (Japanio)

Finredaktis: BLANKE Detlev

---

## RADIOELSENDOJ

En 1988 okazis 4919 Esperanto-elsendoj de 11 radiostacioj kun suma daŭro de 2044 horoj.

Elstaras Radio Polonia (Varsovio, PL) per 1951 elsendoj, Radio Pekino (TJ) per 1464 kaj Svisa Radio Internacia (Berno, CH) per 988 elsendoj. La ceteraj 8 stacioj elsendis inter 104 kaj 48 fojojn.

12a nun estas Radio Havano (Kubo), kiu komencis Esperanto-elsendojn en novembro 1988.

La radioelsendoj estas grava parto de la Esperanto-laboro. Valoras apogon ekz per alsendo de poŝtkarto.

## ELFRIEDE KRUSE 75

La 13an de marto nia Honora Membro Elfriede Kruse finis sian 75an vivojaron. 12 jarojn kiel sekretariino de IFEF - kaj eĉ multe pli longe de GEFA - ŝi sindoneme servis al la fervojista Esperanto-movado kaj konstrue kundecidis ĝiajn vojon kaj evoluon. Pro ŝiaj meritoj sur internacia nivelo ankaŭ FISAIC dekoraciis ŝin per sia ora medalo. Ankoraŭ nun ŝi aktive agas en sia germana asocio kaj laŭpove kaj laŭokaze helpas en sia loĝloko Frankfurt.

Nome de la estraro kaj membraro ni sincere kaj kore gratulas kaj deziras al Elfriede Kruse ankoraŭ multajn vivojarojn en bona sanstato kaj kontenteco.

IFEF

## PASO ANTAŬEN EN OFICIALA UZADO DE ESPERANTO

La tuta jaro 1988a estis jubilea jaro por la Ĉeĥoslovaka Fervoja Esplorinstituto. Ĝi festis sian 25jaran ekziston, aktivecojn, rezultojn ....

Sendube, siatempe ĝi estis fondita por kolekti la fervojfakajn esploremulojn, por doni al ili eblecojn eksperimenti, por evoluigi la ĉeĥoslovakajn ŝtatajn fervojojn. Krome, estis konstruita trakaro, la provringo. Efektive temas pri du cirkloj. La granda, iom elipsoidoforma, kiu estas iom pli ol 13 km longa, dum la malgranda estas proksimume 4 km. Ambaŭ cirkloj estas konstruitaj per diversaj kurbiĝoj, ke oni povu per diversaj rapidecoj esplori la efikon sur trakveturiloj: pasaĝerkaj varvagonoj, respektive lokomotivoj. Aparte por la elektraj lokomotivoj estis certigitaj la kontinua, respektive la alternkurenta provizado.

Post la startaj sukcesoj la Instituto okazigis konferencon por resumi kaj publikigi siajn rezultojn. Kiel atendite, la rezultoj reeĥis ne nur inter la enlandaj fakuloj, sed ankaŭ ekster la limoj. Estis do tute memkompreneblaj paŝoj, ke la Instituto ebligis la kontribuojn al eksterlandaj esploristoj, respektive ofertis al ĉiuj interesigatoj siajn servojn.

En la kontinueco de sia laboro, la Instituto okazigis ĉiun kvinan jaron konferencon, kvazaŭ resumon de kvinjara aktiveco kaj preparon de estonta esplorprogramo. Paralele, ĉiufoje plivastigis - ĉiam per unu lingvo - ankaŭ la laborlingvojn. Por ebligi la ĉeeston de fakuloj en orienteŭropaj landoj, tio estis unue la rusa. Plie, pro la multnombra partopreno el Germana Demokratia Respubliko, estis kooptita la germana lingvo. Por ĉi tiu jaro la okazigo de konferenco koincidis kun la 25jara ekzisto de la Instituto, sekve ĝia organizo prenis solenan karakteron. Sed ekestis granda dilemo kiun pluan lingvon envicigi por laborlingvo, ĉu la francan aŭ la anglan. Meze de tiu dilemo, Inĝ Petro Chrdle, cetere dungito de Instituto eksplikis al la instituta gvidantaro la Rezolucion de UNESKO favore al Esperanto, respektive ĝian enkondukon en la praktikon ĉe sciencaj kaj esploraj institucioj. Kaze ke ankaŭ Ĉeĥoslovakio subskribis la rezolucion, Inĝ Chrdle ofertis Esperanton por plua laborlingvo dum la jubilea konferenco. La gvidantaro akceptis la oferton kaj voĉdonigis ĉi tiun proponon. Ĉu mirinde aŭ ne sed la propono estis ĉiuvoĉe akceptita. Pro la sola ŝancelo ĉu la esperantistoj kapablos liveri taŭgajn prelegantojn, oni kondiĉigis la aplikon de Esperanto nur se anoncos sin minimume kvin kandidatoj.

Anoncis sin ĝuste kvin kandidatoj: unu el Nederlando, du el Hungarujo kaj du el Jugoslavio. Alivorte, per respondo de kvin prelegontoj, estis plenumita la kondiĉo kaj Esperanto eniris kiel la kvara laborlingvo dum la jubilea konferenco.

Dum la preparo de konferenco, ĉe la teknika parto ekestis problemo, kiu interpretos. La Instituto turnis sin al Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio petante interpretistojn. La solvo de ĉi tiu problemo estis trovita per elekto de Inĝ Ladislav Kovar, fervojisto esperantisto el Ceska Trebova.

La jubilea konferenco okazis en Pardubice de la 4a ĝis la 6a de oktobro 1988. La kvin esperantistoj enmiksiĝis inter la eksterlandaj kaj enlandaj prelegintoj. Mgro Gvozden Sredić el Beograd prelegis pri tekn ologio de kontenera trafiko ĈE EŬROPAJ FERVOJOJ. Inĝ István Gulyás el Budapeŝto (Hungario) prelegis pri

STATO KAJ EVOLUO DE FERVOJAJ LIGOJ INTER GRANDAJ EŬROPAJ URBOJ. Inĝ Jan de Kat el Teknologia universitato en Delft (Nederlando) havis tre interesan prelegon kun diapozitivoj pri MAGNETE SVEBANTA INERCIRADO POR ELEKTRO-MEKANIKA ENERGIKON SERVADO. Inĝ Jozsef Halasz el Miskolc (Hungario) akompanis sian prelegon (KELKAJ DEMANDOJ PRI LA MOVADGEOMETRIO) per konvenaj lumbildoj. La temo de Inĝ Ludoviko Sekereŝ el Novi Sad koncernis la signaladon kaj organizadon de trajntrafiko sur unu trako dum la rekonstruo de dutraka linio.

Du tagojn daŭris la viciĝo de prelegintoj, kiuj eksplikadis siajn temojn dum kvaronhora disponebla tempo. Oni povas kontentige konstati, ke inĝ Kovar bone plenumis sian taskon interpretante ĉiujn prelegojn al Esperanto, respektive de Esperanto al ĉeĥa lingvo.

La duan tagon vespere la loka esperantista societo gastigis prelegantojn-esperantistojn. Regis tie agrabla etoso dum la kunveno.

La trian tagon de la konferenco, la Esplorinstituto aranĝis viziton al la provringo. Sur mapetoj oni prezentis al ni la ekzistantajn instalaĵojn kaj la estontajn konstruplanojn. Sekvis iaspeca nostalgia veturo en malnovaj, sed rekonstruitaj pasaĝervagonoj kun lignaj sidlokoj kiujn tiris malnova vaporlokomotivo laŭronde de granda provringo. Konvena prospekto ebligis identigi dum tiu veturo la unuopajn objektojn sur la provlinio.

Venis per tio la adiaŭo, la reciprokaj manpremoj kaj la reciprokaj promesoj flegi daŭre la kvaran laborlingvon de Ĉeĥoslovaka Fervoja Esplorinstituto - Esperanton.

Raportis en Jugoslavia Fervojisto
inĝ Ludoviko SEKEREŜ

(La aranĝon en Pardobice ni menciis en n-ro 3/1987 sur paĝo 48, kaj la Esplorinstituto estas priskribita en IF 4/1984 paĝoj 56-57).

## Okcidenta Eŭropo daŭre plikuntiriĝas.

Dek novaj "EŭroCity"-trajnoj kaj malplilongigoj de veturtempoj estas parto de la nova horaro, kiu ekvalidos la 28an de majo.

Tion decidis la Eŭropa Horarkonferenco, kiu ĉiun duan jaron pritraktas kaj pridecidas la translimajn trajnojn.

Ekz, Hungario havos duan EC-trajnparon "Donaukurier (Danubokuriero)" kune kun la nuna "Lehar", kaj inter Munkeno (D) kaj Ateno (GR) la litkaj kuŝvagona trajno "Attika" veturos en 35 horoj, kio estas 5 horoj malpli ol la nuna veturtempo.



(Laŭ Schöne Welt 2/1989)

K93



K 93 de DSB

K estas la unua litero de la dana vorto por horaro. 93 estas la jaro 1993. Temas do pri la fervoja horaro valida ekde la 23a de majo 1993.

Je tiu dato - laŭ la plano - la tunelo/ponto sub/super la Granda Belto estos realaĵo, kaj la pramtrafiko kun fervojvagonoj ĉesos.

Grava ŝanĝo estos la sekvo. Elektra trakcio inter (Helsingør)-Kopenhago kaj la fuena urbo Odense estos uzata, tamen alterne kun dizela trakcio. Odense havos centran staton de tiu horaro. Se vi bone rigardas la embleman figuron, vi en la cirkla centro vidas punkton, kiu simbolas Odense, kaj de kie radias fervojaj trakoj orienten, okcidenten kaj suden al Jutlando. De Odense estos vojaĝdaŭro de proks 75 min orienten al Kopenhago, norden al Århus kaj okcidenten al Esbjerg.

La ĉefa principo de la horaro estos, ke ĉiun duonan horon veturos haltotrajno kaj t n "fulmotrajno" de Kopenhago al Odense. La haltotrajno konsistos el kunkuplita elektra regiona trajno (ER) kaj dizela "IC/3"-trajno. Tuj antaŭ la kajo en Odense oni diskuplos ilin, la ER enveturos laŭ trako 6 (ĉar ĝia finstacio estos Odense) kaj la IC/3-trajno enveturos laŭ trako 5 (kajo inter trakoj 5 kaj 6). Kelkajn minutojn poste alvenos la fulmotrajno, kiu forlasis Kopenhagon 22 minutojn post la haltotrajno. Nun oni kunkuplos la IC/3-trajnon kaj la fulmotrajnon, kaj la tuto estos fulmotrajno al Århus, ĉiun duan fojon tamen kiel haltotrajno.

Tio postulas ŝanĝojn de trak- kaj signalsistemo, kiuj kostos proks 10 milionojn da kronoj.

INDIKOJ PRI

HUNGARAJ STATFERVOJOJ (MÁV)

Jam la trian fojon la Ekonomia Ĉefsekcio de la Generaldirekcio de MÁV eldonas kajereton kun la ĉi-supra titolo.

En formato 16,5 x 12 cm kaj kun 20 paĝoj, bele presita sur bona papero en kvar koloroj, la kajero informas pri la produktado de la Hungaraj Statfervojoj en la antaŭa jaro kun komparo al pluraj pli fruaj jaroj.

La lastaperinta - de 1988 - indikas ciferojn de la jaro 1987. Ekzemploj de la enhavo estas: Relolongo, fervojaj traknivelaj pasejoj, rendimentoj de la trajnoj, pasaĝertransporto, var- kaj kontenertransporto, energikonsumo kaj teknikaj-ekonomiaj indeksoj.

Ekskluzive en Esperanto la kajeroj formas gravan ekzemplon de oficiala utiligo de la Internacia Lingvo, ekzemplon sekvindan.

# TERMINOLOGIA SEMINARIO

En Poprad (Altaj Tatroj), de 12a - 21a de junio 1989 TEC (Terminologia Esperanto-Centro) aranĝos seminarion por organizantoj de terminologia laboro. Inter la 12a (alveno) kaj 21a (forveturo) okazos 7 labortagoj + 1 tuttaga ekskurso.

Skizo de programenhavo:

1. Teoria fundamento: nuna stato de terminologio kiel lingvoscienco kaj lingvoplanada praktiko; teoriaj orientiĝoj; praktikaj labormetodoj; ĝisnunaj atingoj; limoj kaj novaj evolutendencoj.
2. Praktikaj ekzercoj: nocia analizado; ellaborado de nociaroj; homonima kaj sinonima analizado, normigado; terminologia eluzado de fakaj tekstoj; kreado de terminologiaj kaj dokumentaj sliparoj (surpaperaj kaj komputilaj).
3. Terminografia projekto: determino de terminologia esplorkampo; determino de terminologiaj fontoj; starigo de miksita laborkomitato (fakuloj kaj terminologoj); terminologia pritraktado de fontaj dokumentoj; ellaborado de terminologiaj dosieroj; redaktado de terminara projekto.

Ĉeflektoros d-ro E.Brent, Kanado, terminologo kaj lingvokonsilisto ĉe Office de la langue francaise; Infoterm (Vieno) kaj DLT (BSO, Utrecht) estas reprezentotaj.

Rajtas aliĝi ĉiu terminologie serioze interesita esperantisto, sed preferon havas TEC-anoj, speciale reprezentantoj de fakaj kaj landaj E-organizaĵoj kaj aliaj gvidantoj. 30 lokoj disponeblas, laŭeble frua aliĝo helpas tajlori la programon. La kostoj: 990,-- CSK (Kčs) por loĝigo kaj manĝoj. Ni gastos en la famiĝantaj, ĵus rekonstruitaj, artmemoraĵaj domoj de Slovakia Esperanto-Asocio, kiu diversmaniere helpos la sukceson de la aranĝo.

Interesitoj skribu al: Wera Blanke, Otto-Nagel-Str. 110, Pf 113-05, DDR-1141 Berlin.

---

## HELPO POR LA UNUA ZAMENHOF-MONUMENTO DE LA MONDO

La unuan de junio 1914 estis inaŭgurita en la okcidentbohemia banloko Frantiskovy Lázné, tiam aŭstra Franzenzbad, la unua en la mondo monumento pri Zamenhof. Iniciatis ĝin la germana fervojisto kaj estro de la loka Esperanto-klubo Jacob Hechtl. En 1938 la nazioj detruis la monumenton.

Ceĥa Esperanto-Asocio planas helpe de internacia monkolekto restarigi la monumenton okaze de la UK Praha en 1992. Ciu donaco estos bonvena, tamen kiu donos valoron de minimume 40 nederl.guldenoj, ricevos dankdiplomon, je 400 gld, medalon, je 5000 gld lia nomo estos engravurita sur la monumento.

Cu ne denove fervojistoj esence kontribuu, por ke ĝuste tiu monumento, la unua en la mondo, refariĝu daŭra atestaĵo pri la nobla ideo de la Internacia Lingvo kaj ties kreinto kaj pri interpopola frateco?

Fervojistoj jam komencis helpi en tiu "entrepreno".

Kontribuaĵojn bv sendi al Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam, Nederlando, poŝtĝirokonto 378964 den Haag aŭ al la kotizperanto de UEA en via lando. Nepre aldonu "por konto lazng".

Joachim Giessner

## TK INFORMOJ

La Fervoja Terminaro estas prespreta! tio signifas, ke ni povas laŭplane transdoni ĝin en Salou.

La Fervoja Terminaro en Esperanto, suplemento de la UIC-leksikono (Lexique Général des Termes Ferroviaires) estas la rezulto de preskaŭ tridekjara komuna klopodo de la Terminara Komisiono de IFEF.

Legante la "Historion 1909 - 1984" de IFEF, oni konstatas la plej diversajn obstaklojn, kiuj malhelpis nian laboron. La tempo ĉiam denove forkuris kaj novaj eldonoj de la UIC-Leksikono nuligis nian faritan traduklaboron.

Per komuna limtempe kontrolita laboro de fakuloj el 15 nacioj kaj konsekvenca aplikado de raciaj metodoj, kiel eldono de kunordiga informilo "Terminara Kuriero" kaj utiligo de leksikografie programita komputilo, ni sukcesis prezenti preskaŭ samtempe kun la UIC-Leksikono la esperantan suplementon "Fervoja Leksikono".

Ni tre esperas, ke nia komuna verko

- fariĝos utila laborilo kaj unueciĝos tiamaniere la Esperanto-faklingvon de la fervojistoj.
- konvinkos pri la universala taŭgeco de Esperanto kiel pontlingvo inter la nacioj.

Nome de la Terminara Komisiono mi tre kore kaj sincere dankas al la IFEF-anoj pro la financa subteno. Per la "Terminara Fonduso" vi ebligis la senprobleman financigon de la presado. Via konstanta intereso pri nia laboro kaj via solidareco donis al ni forton kaj kuraĝon.

Koran dankon al ĉiuj Terminaraj kunlaborantoj, kiuj fidele kaj senescepte kiel amikoj restis je mia flanko - kvankam la labormetodo estis foje iom postulema kaj maloportuna.

Mi premas viajn manojn, karaj amikoj en la TK-sekcioj en

Aŭstrio, Belgio, Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, FR Germanio, Germania DR, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Svedio kaj Svislando.

Per tio finiĝas la temo "Fervoja Terminaro" kaj ni frontas kun nova energio la novajn taskojn.

Dieter Hartig

## Modernigo de la aŭstriaj fervojoj

Laŭ kompromisa politika interkonsento ŝajnas sekurigita ampleksa modernigo de la aŭstriaj federaciaj fervojoj (OBB). La kosto estos ĉ 60 milionoj da ŝilingoj ĝis la jaro 2000.

Kaj la pasaĝer- kaj la vartrafiko profitos. Eblos plialtigo de jara produktado de 20 ĝis 25 milionoj da pasaĝeroj kaj de 55 ĝis 61,5 milionoj da tunoj de varoj. Tio donos jaran enspezon de pliaj 2,4 miliardoj da ŝilingoj.

Plej multekosta estos la elkonstruo de la linio Salzburg-Wien (Salcburgo-Vieno), kio plialtigos la trajnrapidecon ĝis 200 km/h kaj malplilongigos la veturdaŭron de 3 1/4 horoj ĝis 2 horoj. Sur la linio Wien-Graz (Vieno-Graco) oni ŝparos duonan horon. Gravaj konstruoj estos ankaŭ tunelo sub Semmering-pasejo kaj ĉirkaŭvojo ĉirkaŭ la urbo Innsbruch (Insbruko).

(Laŭ dana ekonomia tagĵurnalo BØRSEN)

MEMBROSTATO de IFEF

| Lando | 1988 | 1987 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 133 | 133 |
| Belgio | 50 | 50 |
| Britio | | 30 |
| Bulgario | 90 | 90 |
| Ĉeĥoslovakio | 26 | 22 |
| Ĉinio | 20 | 20 |
| Danio | 65 | 65 |
| Finnlando | 21 | 21 |
| Francio | 210 | 210 |
| FR Germanio | 661 | 684 |
| GDR | 20 | - |
| Hispanio | 101 | 130 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 162 | 155 |
| Japanio | 17 | 17 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 42 | 42 |
| Norvegio | 75 | 75 |
| Pollando | 40 | 40 |
| Svedio | 76 | 76 |
| Svisio | 70 | 76 |
| Individuaj | 4 | 4 |

STATISTIKO aliĝoj 41a IFK
Stato 3.4.89.

| | |
|---|---|
| Aŭstralio | 1 |
| Aŭstrio | 9 |
| Belgio | 24 |
| Britio | 7 |
| Bulgario | 115 |
| Ĉeĥoslovakio | 9 |
| Danio | 10 |
| Finnlando | 1 |
| Francio | 65 |
| FR Germanio | 43 |
| Germana DR | 3 |
| Hispanio | 79 |
| Hungario | 32 |
| Italio | 37 |
| Jugoslavio | 58 |
| Letonio-USSR | 1 |
| Litovio-USSR | 2 |
| Nederlando | 10 |
| Norvegio | 4 |
| Pollando | 48 |
| Svedio | 6 |
| Svisio | 3 |
| Usono | 1 |
| Entute | 568 |

## 33a JARKUNVENO de GEFA

Germana Esperanta Fervojista Asocio (FRGermanio) invitas al sia 33a jarkunveno 6an-8an de oktobro 1989 en urbo Verden (Aller), D.

La programo enhavas i a gazetaran konferencon, akcepton ĉe urbestro (por kelkaj), urban gvidadon, aŭtobusekskurson, komunan manĝon kaj festvesperon, matineon kun jarraporto kaj programo.

Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe Werner HEIMLICH, Fröbelstrasse 4, D-3040 Soltau.

La urbo Verden situas inter Bremen kaj Hannover ĉe la rando de la Lüneburger erikejo. Jam 1000 jarojn tiu loko nomiĝas urbo kaj la historio de la urbo evidentiĝas ĉie, ekzemple en la miljaraĝa katedralo kaj la preĝejoj el la 12a-13a jarcentoj. La ekskurso iros al la birdparko en Walsrode, kiu kun siaj neimageble multspecaj birdoj estas unika en la mondo.

ARNOLDSTEIN VOKAS POR SEPTEMBRO

La Jubilea 20a Trilanda Esperanto-Konferenco (TEK) okazos de la 8a ĝis la 10a de septembro 1989 en la aŭstria urbo Arnoldstein, sub honorprotekto de ties urbestro, kaj aranĝita sub gvido de nia kolego Martin STUPPNIG, Esperantostrasse 175, A-9601 Arnoldstein.

La tri landoj estas Aŭstrio, Italio kaj Jugoslavio. Sajnas ke oni laboras pri "kvinlandiĝo" nome enigi en tiaspecan aranĝon Hungarion kaj FRGermanion.

Informoj ĉe kolego Stuppnig.

NEKROLOGO

# NILS G.NARVALA FORLASIS NIN



La prezidanto de la finna landa asocio kaj Honora Membro de IFEF, mag. Nils G.Narvala forlasis tiun ĉi mondon por ĉiam en sia 79a vivojaro la 4an de marto 1989.

Li naskiĝis la 2an de februaro 1911. Post la abiturienta ekzameno li magistriĝis en la universitato Turku pri filologio. Kun scioj en la lingvoj finna, sveda, angla, franca, germana kaj rusa li laboris kiel oficiala tradukisto kaj dum jardekoj instruis en la fervoja ĉeflernejo, tie ankaŭ estis prezidanto de lingva ekzamenkomisiono. En sia kariero li atingis la oficon de ĉefinspektoro. Mag. Narvala ĉefe laboris en tarifaj aferoj kaj partoprenis en pli ol 120 internaciaj kunvenoj de UIC, FIP, CIP ktp. Li ankaŭ skribis multajn artikolojn en fervojistaj revuoj, verkis lingvajn gvidlibretojn kaj prelegis en radio. Pro ĉio tio li ricevis diversajn ŝtatajn distingojn. Li ankaŭ kunlaboris en la finna FISAIC-sekcio.

Mag. Narvala esperantistiĝis en 1952 kaj restis fidela al tiu lingvo malgraŭ siaj vastaj lingvoscioj. Li membriĝis al nia finna landa asocio ESFF kaj jam en 1960 estis LKK-prezidanto de la 12a IFEF-kongreso en Helsinki. En 1961 li fariĝis prezidanto de ESFF kaj de 1964 reprezentis ĝin en la IFEF-komitato. Dum multaj jaroj li ankaŭ estis vicprezidanto de la Esperanto-Asocio de Finnlando, en 1969 LKK-prezidanto de la 54a Universala Kongreso. Li estis fakdelegito de UEA kaj partoprenis en multaj UK-oj.

Mag. Narvala dum longa tempo aktive kunlaboris en la Terminara Komisiono de IFEF kaj same en terminaraj aferoj en Finnlando. Li ankaŭ verkis fakprelegojn por IFEF- kaj Universalaj Kongresoj.

Pro siaj multflankaj meritoj en la fervojista Esperanto-movado IFEF nomumis lin en 1976 (IFK Skellefteå) Honora Membro.

Nils G.Narvala estis vera modelo de bonkora, modesta homo, ekzemplo de senlaca laboremulo sen bruo. Kun li ni perdas fidindan kamaradon, kiun ni ne forgesos. Al la vidvino, kiu devenas el Jugoslavio kaj helpeme akompanis lin tra multaj jaroj de lia vivo, ni sincere kondolencas, dezirante al ŝi forton por la vojo, kiun ŝi nun devos iri sola.

Giessner
prezidanto

# NIAJ JARKUNVENOJ

| | |
|---|---|
| Apr 22.: | JAFE en Sarajevo, YU. |
| Jun 30. - jul 02.: | MÁV-tago kaj jarkunveno de Hungara Landa Asocio de IFEF apud Tata-lago (H). |
| Sep 22. - 24.: | LS de PEA en Sepólno (PL), vidu IF 2/89 pĝ 31. |
| Okt 06. - 08.: | GEFA en Verden (Aller), D. |

# LA HISPANA ESPERANTO-MUZEO EN SANT PAU D'ORDAL

Resuma historio

Oni inaŭguris la muzeon en 1968 okaze de la 10a Barcelona Provinca Esperantista Renkontiĝo.

La nuna sidejo situas en strato Zamenhof n-ro 12 en Sant Pau d'Ordal kaj estis inaŭgurita okaze de la 26a IFEF-kongreso en Taragono en majo 1974. Ĝi ampleksas 250 m², do sufiĉe granda. Ĝia prizorganto estas s-ro Hernandez Izal.

La muzeo kolektas ĉion rilate al Esperanto kaj ĝia historio, sed unu el la ĉefaj celoj estas la kolektado de periodaĵoj kaj libroj.

Aliaj aferoj estas: komercaj anoncoj, fotoj de esperantistoj kaj pri esperantaj eventoj, insignoj, medaloj, vinjetoj, glumarkoj, rememoraĵoj pri kongresoj, vizitkartoj, flagoj, flagetoj, afiŝoj pri kongresoj, foiroj aŭ kursoj, kalendaroj, poŝtstampoj kaj poŝtmarkoj ...

Ĉiuj esperantaĵoj estas bonvenaj kaj zorge kolektitaj, do ^FORĴETU NENION!

Se vi partoprenos la IFK en Salou, bonvolu kunporti ĉion de vi ne bezonatan. Estu certa, ke viaj kontribuaĵoj por la muzeo estos akceptitaj kiel veraj juveloj!





Dum la estrarkunveno en Budapeŝto la IFEF-estraron akceptis vicgeneraldirektoro de MÁV (maldekstra foto) kaj fervoja sindikatestro (dekstra foto).

ENHAVO:

Kelkaj informoj pri Salou ....... 35
Rekomendoj el Ahrenshoop ........ 37
Elfriede Kruse 75jara ........... 40
Pardubice oktobre 1988 .......... 41
Eŭropo kuntiriĝas ............... 42
Nova horaro de DSB .............. 43
Hungara Stata Fervojo ........... 43
Terminologia Seminario .......... 44
Zamenhof-monumento .............. 44
TK-informoj ..................... 45
Aŭstriaj fervojoj ............... 45
Statistikoj ..................... 46
Kunvenoj ........................ 46
Nekrologo ....................... 47
Esperanto-Muzeo ................. 48

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en julio, estas 5.6.1989.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved.